# Boletín

Bulteno de Hispana Esperanto-Federacio
Aperanta de 1949
Numero 377 (januaro-februaro, 2007)

**Ĉefredaktanto:**

Jorge Pavón

**Kunlaborantoj:**

Salvador Aragay, Antonio del Barrio,Augusto Casquero, Miguel Gutierrez, Jesús de las Heras, Felix M.J. Lobo,Tatjana Loskutova, A. Marco, Botella, Raul Martínez, Manuel Pancorbo, Darío Rodríguez, José María Salguero (Kani), Luis Serrano, Juan Trenado

✉
bulteno@esperanto.es
Calle Juliana nº4
El Escorial (Madrid) 28280



Hispana Esperanto Federacio
Federación Española de Esperanto
Rodríguez San Pedro 13, 3º, 7;
ES-28015 Madrid
admin@esperanto.es
Tel (34) 914468079
Konto ĉe BBVA:
0182-1252-31-0204011961

## Estraro

**Prezidanto:** Augusto Casquero
**Vicprezidanto:** Lupe Sanz
**Sekretario :** Carmen Suárez
**Kasisto :** Pedro Garrote
**Voĉdonantoj :** José María Galofré, Luis Hernández kaj Jorge Pavón

Presejo: Gráficas Aurora. Zaragoza
DL- Z- 334-90

## Prezento



Post du-monata periodo, alvenas ĉi tiu numero al via hejmo aŭ asocio.

Afero kiu kaŭzis fortan polemikon en la lastaj monatoj estas la estonteco de Pola Radio en esperanto. Fine, ĝi estas ne fermota, sed transiras al retaj elsendoj. Legu pri tio la analizon de Darío Rodríguez (p 16a).

Ni ankaŭ denove traktas la temon de la historia memoro. Ulrich Lins vojaĝis al Madrido por prezenti, kun Toño del Barrio, prelegon en kongreso pri la Civila Milito, reliefante la propagandan kaj ĵurnalisman rolon de nia lingvo en tiu periodo. (p 18-19). Rekomendinda estas la artikolo kiun li publikigis en interreto:
*liberafolio.org/2006/civitanamilito*

Oni petis, ke mi menciu la fonton de 'La dek ses fundamentaj malreguloj'. Ĝi estas parto de la libro 'La Deka Logo' , kiun HEF eldonis elektronike antaŭ kelkaj jaroj.
*82.182.30.179/inko/204-2.pdf*

Intensiĝas la preparoj por la Hispana kaj Andaluza Kongreso en *Palos de La Frontera* (Onubo) Vi jam povas aliĝi. Pli da informo sur paĝoj 32-33. Alia evento vizitindos: Murci-Valencia kongreso apud Castellón ( p. 10)

Inkluditaj estaj du raportoj pri la estraraj decidoj. La 26an de februaro okazos la ĝenerala kunveno, necesa por la aprobado de niaj kontoj, kiun vi trovos ĉi tie.

Bonan legadon!

# Enhavo



## Monda rekordo

La libro pri mondaj rekordoj de *Guiness* konfirmis, ke la plej granda elektra kristnaska arbo en la mondo estas tiu sur la monto *Mammucro* ĉe la urbo *San Vittore del Lazio* en Italio. La figuro de kristnaska arbo, formita el diverskoloraj lampoj, estis 425 metrojn alta kaj konsistis el pli ol mil ampoloj, kiuj lumis ĝis la 6-a de januaro. La arbon ŝaltis la prezidanto de Itala Esperantista Junularo, Nicola Ruggiero, la 8-an de decembro, kaj pinte de ĝi videblis verda stelo.

el liberafolio.org (fragmento)

**"La kino estas la esperanto de la aktuala mondo"** diris Guillermo del Toro, meksikana reĝisoro de famaj filmoj kiel *Blade II* aŭ *El Laberinto del fauno*. Unu el la produktantoj de ĉi lasta estas la firmao **'Esperanto Filmoj'**




foto www.ciendecine.com

# Asamblea General Extraordinaria

La Prezidanto alvokas vin ĉeesti Eksterordinaran Kunsidon, kiu okazos la 26-an de februaro de 2007 (lunde), je la 18,00 horo (18,30h dua alvoko), en Madrido, en la sidejo de HEF, Rodríguez San Pedro 13-3º-7,laŭ la jena tagordo:

1.- Aprobo de la kontoj kaj kas-stato de 2006.
2.- Sugestoj kaj demandoj

GRAVA RIMARKO: Membroj de HEF kiuj deziras esti reprezentataj fare de la sekretariino Carmen Suárez, bonvolu sendi antaŭ la 26an Februaron mesaĝon informante pri tio, kun klara indiko de la kompleta nomo, al la HEF-retpoŝta adreso: admin@esperanto.es

HISPANE: El Presidente les invita a asistir a la Asamblea General Extraordinaria, que tendrá lugar el 26 de Febrero 2007, lunes, a las 18.00 horas en primera convocatoria y a las 18.30 en segunda, en Madrid,en la sede de la Federación Española de Esperanto, Rodríguez San Pedro,13, 3º, 7, con el siguiente ORDEN DEL DIA:

1.- Aprobación de las cuentas y Tesorería del 2006.
2.- Ruegos y preguntas.

IMPORTANTE: Los miembros de la Federación que deseen ser representados por la secretaria, Carmen Suárez, deben enviar antes del 26 de Febrero un mensaje comunicando este extremo, indicando claramente su nombre completo, a la dirección electrónica de HEF: admin@esperanto.es

La Prezidanto de HEF
Augusto Casquero

---

Kvankam ne multe frostas ĉi vintre, jen alvenas amuzaĵo de Forges




blogo de Manolo Pancorbo
http://bitakoro.blogdns.org/

## Balance de situación (pendiente de aprobación)

| **Activo** | 2006 | 2005 |
|---|---|---|
| B)Inmovilizado | 62.851,60 | 63.328,60 |
| II Inmovilizaciones inmateriales | 768,60 | 768,60 |
| 5. Aplicaciones informáticas | 768,60 | 768,60 |
| 215 APLICACIONES INFORMÁTICAS | 668,60 | 768,60 |
| III. Inmovilizaciones materiales | 62.083,00 | 62.560,00 |
| 1. Terrenos y construcciones | 60.101,21 | 60.101,21 |
| 221 CONSTRUCCIONES | 60.101,21 | 60.101,21 |
| 3. Otras instalaciones, utillaje y mobiliario | 8.365,99 | 8.365,99 |
| 225 MOBILIARIO | 2.176,44 | 2.176,44 |
| 226 EQUIPOS PROCESOS INFORMACIÓN | 6.189,55 | 6.189,55 |
| 4. Anticipos e inmovilizaciones materiales | 2.272,70 | 2.272,70 |
| 232 BIBLIOTECA | 2.272,70 | 2.272,70 |
| 7. Amortizaciones | -8.656,90 | -8.179,90 |
| 282 AMORT. ACUM. INMOV. MATERIAL. | -8.656,90 | -8.179,90 |
| | | |
| D) Activo circulante | 20.798,38 | 15.558,70 |
| II. Existencias | 2.250,08 | 2.711,73 |
| 1. Comerciales | 2.250,08 | 2.711,73 |
| 300 MERCADERÍAS (libros para vender) | 2.250,08 | 2.711,73 |
| III. Deudores | 710,89 | 755,78 |
| 4. Deudores varios | 701,89 | 755,78 |
| 440 DEUDORES | 260,10 | 60,10 |
| 447 PATROCINADORES AFILIADOS Y OTROS | -180,00 | -95,00 |
| 553 CTA CTE CON SOCIOS Y ADMIN | 621,79 | 790,68 |
| IV. Inversiones financieras temporales | 12.500,00 | 0,00 |
| 7. Depósitos y fianzas constituidos a corto plazo | 12.500,00 | 0,00 |
| 553 DEPÓSITOS A CORTO PLAZO | 12.500,00 | 0,00 |
| VI. Tesorería | 5.815,88 | 12.019,79 |
| 570 CAJA EUROS | 185,65 | 21,94 |
| 572 BANCOS E INST. DE CRÉDITO C.C. | 5.630,23 | 11.997,85 |
| VII Ajustes por periodificación | -469,47 | 71,40 |
| 800 GASTOS ANTICIPADOS | -469,47 | 71,40 |
| | | |
| TOTAL ACTIVO | 83.649,98 | 78.887,30 |

**Pasivo**

| | 2006 | 2005 |
|---|---|---|
| TOTAL ACTIVO | 83649,98 | 78.887,30 |
| | | |
| A)FONDOS PROPIOS | 83.649,98 | 78.809,68 |
| I Capital suscrito | 78.809,68 | 78.146,83 |
| 101 FONDO SOCIAL | 78.809,68 | 78.146,83 |
| VI Pérdidas y ganancias (beneficio o pérdida) | 4840,30 | 662,85 |
| | | |
| 129 PÉRDIDAS Y GANANCIAS | 4.840,30 | 662,85 |
| | | |
| E) ACREEDORES A CORTO PLAZO | 0,00 | 77,62 |
| IV Acreedores comerciales | 0,00 | 77,62 |
| 2. Deudas por compras o prestación de servicios | 0,00 | 77,62 |
| 410 ACREEDORES PRESTACIÓN SERVICIOS | 0,00 | 77,62 |
| | | |
| TOTAL PASIVO | 83.649,98 | 78.887,30 |

## Cuenta de pérdidas y ganancias ejercicio 2006 (provisional) ingresos

| CONCEPTO | EUROS |
|---|---|
| Compra de libros | 1.000,00 |
| Variación Ext. Oficina central | 461,65 |
| Serv. Prof independientes | 658,47 |
| Seguro oficina central | 71,40 |
| Servicios bancarios y similares | 199,50 |
| Comisiones bancarias | 50,44 |
| Publicidad, propaganda, RRPP | 396,01 |
| Edición BOLETÍN | 1.966,69 |
| Donativos de libros | 53,00 |
| Luz, Unión Fenosa | 107,63 |
| Canon conexión Internet | 62,74 |
| Telefónica, Retevisión, Auna | 927,49 |
| Material de Oficina Central | 361,60 |

ver siguiente →

| | |
|---|---|
| Cuota U.E.A. (de HEF) | 222,88 |
| Comunidad | 966,56 |
| Viajes de personal | 57,00 |
| Cuota EUROPA E-O UNIO | 150,00 |
| Correo | 177,41 |
| Gratificación portero | 40,00 |
| Otros gastos | 53,50 |
| Tributos | 141,37 |
| Pérdidas de cuotas incobrables | 401,00 |
| Amort. Ordenadores, impresora | 477,00 |
| | |
| SUMAS............................................... | 9.003,34 |
| Beneficios | 4.840,34 |
| | |
| TOTAL......................................... | 13.843,64 |

Gastos

| CONCEPTO | EUROS |
|---|---|
| Venta de libros | 1.174,47 |
| Ingresos por cursos | 17,31 |
| Cuota de afiliados | 10.999,16 |
| Cuota afiliados año anterior | 86,00 |
| Ingresos Col/Cong | 150,00 |
| Donaciones socios | 1.031,00 |
| Ingresos varios | 237,00 |
| Intereses cta. A plazo | 87,10 |
| Ingresos extraordinarios | 61,60 |
| | |
| SUMAS............................................... | 13.843,64 |
| | |
| TOTAL................................................ | 13.843,64 |

# HEJS invitas vin

(Kampardoma) Iberia Renkontiĝo




- Klerigaj programeroj
- Pop-koncerto de la ensemblo LePunk
- Turismado tra la 'nekonata' Madrido
- Ludoj
- Kurso por komencantoj



Junulargastejo *San Fermín* Avenuo *los Fueros* 36, Madrid. 9an (vespere), 10an kaj 11an de marto (matene) 2007

# Estrarkunveno de HEF **2006-11-27**

Okazis la 27an de novembro, en la sidejo de HEF je la 18,00 h. Ĉeestis: Lupe Sanz, Carmen Suárez, Pedro A. Garrote, Miguel Angel Sancho, Manolo Parra, Jorge Pavón, Augusto Casquero (*), Luis Hernández, Pedro Hernández (*),Manolo Pancorbo (*), Toño del Barrio (*)
(*) Nur kelkajn minutojn

## 1.Boletín

- Jorge Pavón informas ke la numero de novembro-decembro, redaktita kaj kompostita de li, jam estas en la presejo.

- La eldon-programo por 2007 estas jena: oni eldonos 5 numerojn kiuj estos en la presejo meze de la lasta monato.

- 1a nr-o januaro-februaro (Alvoko pri Eksterordinara Asembleo por aprobi la kontojn de 2006; kontoj kaj memoro pri aktivaĵoj)
- 2a nr-o Marto-Aprilo, (Protokolo de la asembleo kaj budĝeto por 2007)
- 3a n-ro Majo-Junio (Programo de la Kongreso de HEF, alvoko pri la Ĝenerala Asembleo)
- 4a n-ro septembro-oktobro (Informo pri la kongreso)
- 5a n-ro novembro-decembro

## 2.Kongreso

Augusto Casquero informas: "La Hispana Kongreso de Esperanto de 2007 okazos en la urbo Palos de la Frontera (Huelva) ekde la 5a ĝis la 8a de julio

2007, kune kun la Andaluza Kongreso de Esperanto."

"La kotizo estos afero de la lokaj organizantoj, ĉar tiu estos por la tuta aranĝo. Do, ili devas proponi al HEF la kotizon."

## 3 HEF- gazetara Servo

➢ M. Pancorbo sendis kelkajn komunikojn al amaskomunikiloj sen respondoj. En la Kongreso pri Civita Milito li atingis oficialan atestilon kiel redaktoro de "Boletín"

➢ Pedro Hernández respondas kaj informas regule la e-poŝtojn ricevitajn en prensa@esperanto.es. Se li konsideras oportune li resendas al Pancorbo.

➢ Toño del Barrio sendis jenan komenton: Mi mem sendis la lastajn komunikojn ĉar mi havas adreson "oficialan" kaj ĉar neniu alia tion faris, sed mi ne estas kontenta pri mia agado, nek pri la maniero kiel ni organizas tiun aferon. Unu homo devas kolekti adresojn, telefonojn de ĵurnalistoj, resti en kontakto kun ili. Pretigi bultenon en la hispana kaj sendi ĝin periode (se iu tradukas al aliaj lingvoj, des pli bone, sed ni ne povas ne sendi informilon en la hispana nur ĉar ekzistas aliaj lingvoj, se neniu pretas traduki la informojn en tiujn ĉi). Pretigi dosierojn, ktp.Eble por tio necesas skipo, sed iu devas organizi tion ĉi. Kio ne povas okazi estas ke la hispana asocio estas la ununura kiu ne aperigis informojn, ekzemple, pri la raporto Grin.

➢Oni montris ĵurnalojn el Valladolido kie aperas preskaŭ unu paĝo pri la E-Grupo kaj alia kun malgranda anonco pri iliaj aktivaĵoj

## 4 HEF-Retpaĝo

➢Miguel Ángel Sancho prezentis la revizion de la paĝaro de HEF kiun faris li kaj José Rodríguez. Ĝi povas esti aktualigita por ne profesia informatikisto. Sancho ofertis sian helpon por instrui al teamo de kunlaborantoj, kion la estraro akceptas, por fari modifojn en la paĝaro.

➢Oni aprobis uzi nur la novan paĝaron kaj oni petas al ĉiuj viziti ĝin kaj sendi komentojn por plibonigo.

➢Oni aprobis la proponon de Darío Rodríguez por meti ligilon al vortaro esperanto-hispana (la hispana-esperanto estas la Granda Vortaro de F. de Diego, jam troviĝanta en la HEF-paĝaro)

## 5.- Sekretario

➢Oni aprobas la kotizojn por la jaro 2007. La samaj ol dum 2006. Normala membro 31 eŭroj,Patrona membro 62 eŭroj,Grupoj 62 eŭroj, Emerituloj, 26 eŭroj

➢Oni aprobas la tekston de la letero

sendota al la membroj kiuj ne pagis la lastajn tri jarojn.

➢Kiel respondo al la peto de la antaŭa estrarkunveno, Fernando Moral, ĉefdelegito de UEA, sendis jenan informon: "Mia aktiveco kiel ĉefdelegito estas malpli granda ol tiu kiel instruanto de esperanto kaj temas nur pri eventualaj respondoj al leteroj au elektronikaj mesaĝoj kiujn oni sendas al mi petante diversajn informojn pri la movado en Hispanio au pri turismaj aferoj, kaj nur escepte petoinformojn de UEA pri ia delegito. Kiam mi mem ne kapablas respondi tiajn leterojn au ili koncernas al HEF, mi resendas ilin al la Centra Oficejo kaj/aŭ al diversaj aktivuloj petante ilian helpon. Bedaŭrinde mi ne povas aldoni dosieron de mia korespondado ĉar en la lastaj dek monatoj mi perdis dufoje miajn elektronikajn mesaĝojn, kaj tamen mi dirus ke probable mi ricevas du informopetojn monate proksimume. Amike, Fernando Moral"

## 4 Petoj kaj demandoj

➢ Por eviti la peton de aldonaj dokumentoj dum la monato aŭgusto, oni devas prezenti la kontojn al la Ministerio antaŭ la fino de marto; pro tio, oni aprobas la peton de Lupe por sendi la konto-staton al la entrepreno kiu faras la ekonomian memoron en februaro.

➢Jorge petas apartan bank-konton por la junularo. Jen la respondo de la estraro: HEF havas nur unu konton je la nomo de Federación Española de Esperanto; la Junulara Sekcio (HEJS) estas libera por malfermi bank-kontojn je la nomo de HEJS aŭ alia (IR-o). Eventuale la konto de HEF havos deponon kun la mono de la subvencio de HEF al HEJS kiun ĝi ne elspezis aŭ ne kontrolis kun kvitanco aŭ fakturo.La estraro de HEF ne aprobas ke la nomoj de siaj estraranoj aperu kiel "titulares" en la kontoj je la nomo de HEJS. La konto devas esti je la nomo de HEJS kaj kun la nomoj de minimume tri HEJS-anoj kiel "titulares".

➢ José Rodríguez petas ke HEF pruntedonu 1.100 eŭrojn al HEJS por "Iberia Renkontiĝo" (IR-o) okazonta en Madrido, eble en marto. HEJS intencas organizi renkontiĝon kun la kunlaboro de PEJ kaj KEJ. La renkontiĝo volas daŭrigi la bonajn rilatojn inter KEJ, PEJ kaj HEJS, farante similstrukturajn eventojn al tiuj katalunaj. Do estos prelegoj, aktivaĵoj, kaj komunaj dormado kaj manĝado (tiel homoj vere kunvivas).

Jen la respondo de la estraro:
Aktuale HEJS havas 500 eŭrojn en la konto de Federación Española de Esperanto (partopreno en la Kongreso de TEJO kiun Álvaro ne enspezis ĉar li sendis nek la atestilon de la elspezo nek la banko-konton. HEF kiel asocio de publika utileco devas prezenti la kontojn al la Ministerio kun fakturoj aŭ kvitancoj. La estraro konsilas al HEJS-anoj peti subvenciojn por la reklamo kaj

diversaj programeroj de la renkontiĝo. La estraro aprobas pruntedoni al HEJS 1.100 eŭrojn por la rezervo de 30 lokoj en la junulargastejo en Casa de Campo por la rekontiĝo "IR-o". Oni donos la monon la 2-an de januaro, por inkludi ilin en la kontoj de 2007. La fakturo de la restadejo estos je la nomo de Federación Española de Esperanto. La respondeculoj de "IR-o" redonos la monon maksimume 15 tagojn post la fino de la renkontiĝo.

5Venonta kunveno

Lundon 22an de januaro je la 18,00

**18A Kongreso de Valencia Esperanto Federacio kaj Murcio**

Ĝi okazos en la belega urbeto Burriana, apud Castellón, la 28an kaj 29an de aprilo 2007. Aliĝkotizo kostas nur 9 eŭrojn, kaj en tio estas inkluzivita la manĝado de la giganta "paella" dimanĉe.Probable ankaŭ la tagmanĝo de la sabato 28a estos senpaga. Por informoj skribu al la adreso: augustocasquero@gmail.com

# Estrarkunveno de HEF **2007-01-22**

22an de januaro, en la sidejo de HEF je la 18,00 h, Ĉeestis:Estraranoj: Lupe Sanz, Carmen Suárez, Augusto Casquero, Pedro Garrote, Jorge Pavón Ne estraranoj: Pedro Hernández, Alejandro Pareja, Ana Manero, Darío Rodríguez,Jorge Camacho, Manolo Parra, Rafael Torres (oni kontaktis lin telefone)

## 1.Hispana Kongreso 2007

➢Augusto parolis telefone kun Rafael Rodríguez el Onubo kiu informis, ke estas komplike kontakti kun la urbestro de *Palos*. Rafael informos post unu semajno pri aliĝilo, hoteloj kaj provizora programo. La kongresejo estos la Kulturdomo de *Palos*. La informoj aperos en la venonta "Boletín"

## 2. "Iberia renkontiĝo" en Madrido

Okazos inter la 9-an kaj la 11-an de marto en la junulargastejo "San Fermín" (Kvartalo Villaverde de Madrido). Organizos HEJS, Juna Sekcio de HEF. Pli da informoj: www. esperanto. es/iro2007

## 3 Kontoj 2006 kaj buĝeto 2007

La kontoj kaj buĝeto prezentita de Pedro Garrote estis aprobitaj de la estraro. La datumoj aperos en Boletin kaj ilin aprobos aŭ amalaprobos la HEF-anaro dum la Eksterordinara Asembleo

la 26-an de februaro en Madrido.En la buĝeto oni aprobis 500 eurojn por subvencii la partoprenon en foiroj kaj ekspozicioj al la Grupoj de HEF.

## 3 Sekretario

➢ La Sekretariino sendos leteron al la membroj kiuj ne pagis la lastajn tri jarojn.

➢ IBI. Kvankam ni atingis "exención de impuesto de bienes inmuebles" rilate nian sidejon, ankoraŭ ni ne ricevis la leteron de *Agencia Tributaria* de Madrid

➢ ONO Por atingi malabonon, post sendi *burofaksan*, leteron, ktp. ni petis "conciliación" ĉe la Oficina del Consumidor. Ni atendas respondon. Ono reklamis jure fakturon de aŭgusto.

## 4 Petoj kaj demandoj

➢ La nova prezo de la Koresponda kurso (poŝte aŭ inter-rete) estos 50 eŭroj

➢Oni aprobis ke la Prezidanto devas paroli kun Kultura Asocio Esperantista, kiu estas Dumviva Membro de HEF (kategorio kiu ne aperas en la lastaj estatutoj), ĉar ne estas logike ke Grupo estu Dumviva Membro.

➢Pedro Garrrote okupiĝos pri pretigado en elektronika formo de la kompleta kolekto de Boletín. Li petos al Jesuo de la Heras, Adúriz kaj Pavón la numerojn jam skanitaj

➢Laŭ propono de Lupe kaj por eviti malkontrolon en la kontoj de HEF oni aprobis ke HEF nur vendos proprajn librojn (eldonitajn de ĝi aŭ aĉetitajn).

➢Pedro A. Hernández kaj Jorge Pavón mencias kelkajn problemojn kun la ret-adreso. Oni kunsentas ke ili mem petu la solvon al Miguel Ángel Sancho.

➢Oni aprobas ke Pedro Hernández petu, nome de HEF, lernoĉambron en Centro Cultural Paco Rabal (Vallecas) kaj oni rajtigas lin paroli nome de HEF por enventuala instruado kaj eblaj aranĝoj en la Oficialaj Lingvoj-Lernejoj.

➢ Stoko de DVD Elektronika Esperantio: 200 aĉetitaj de HEF en julio 2006 (2,00 euros)

-50 en HEF por vendi
-50 SATeH pagis rekte al HEF kaj prenis la ekz. en Florenco
-10 HEF ne ricevis la pagon de Adúriz. Li prenis la ekz en Florenco
-10 HEF ne ricevis la pagon de Kani. Li prenis la ekz en Florenco
-20 HEF ne ricevis la pagon de Iturrioz. Li prenis la ekz en Florenco
-60 HEF ne ricevis la pagon de Valencia Esperanto-Grupo. La ekzemperoj estas en Valencio

## 5 Venonta kunveno

Lundon 26an de februaro je la 18,00 kune kun eksterordinara kunveno.



## Aragono

Kiel ĉiujare de antaŭ longe, Zaragozo celebris la festotagon de D-ro Zamenhof en la centro "Frateco" de la aragona ĉefurbo.

La 12an okazis renkontiĝo en nia sidejo, str. La Cadena, 20-22: Unue prelegis s-ano Antonio Marco Botella pri la temo "Eŭropo hieraŭ, hodiaŭ kaj morgaŭ",

La 16an de decembro okazis la komuna tagmanĝo en restoracio Tomas, en kiu vibris la amikeca tono de antaŭaj jaroj. Malfeliĉe ne ĉiam kunvenas tiom da geesperantistoj en kulturaj programoj de nia Societo, kvankam ĉiuj promesis estonte partopreni en ili.

A. Marco Botella

## Asturio



La 17an de decembro, la esperanta grupo de Gijón organizis z-feston en la urbeto Candás. Matene oni celebris meson en la preĝejo Sankta Felikso, kie la pastro, P. Jesús Ángel Fernández faris la ceremonion esperante, laŭtlegante esperantan mes-libron. Poste, trideko da homoj kunmaĝis en restoracio.

## Ekstremaduro

Kani (José María Salguero) kaj aliaj 3 instruistoj daŭre enkondukas esperanton al junaj lernantoj de la altlernejo "Cuatro Caminos" en Don Benito. Estas du niveloj: tutkomencantoj kaj progresintoj.



## Galegio

Ekspozicio en *San Roque* ( Provinco *Pontevedra*) montris leterojn kaj poŝtkartojn en esperanto de 1909 al 1914, senditaj el ĉiuj partoj de la mondo. La kolekto apartenas al Pilar Pintos ekde 1958 ; kaj ŝi ricevis ĝin de galega esperantisto. La ĵurnalo *La Voz de Galicia* informis pri tiu montraĵo kaj klarigis pri nia lingvo, tamen sen multa kono.

## Kastilio- Manĉo

Esperanto viglas ĉirkaŭ la nova asocio AME-EMAS www.ame-emas.tk

En Reĝurbo (Ciudad Real), la filogogo Arturo Jiménez instruas la lingvon en la trinkejo/kulturejo Pachamama. Antaŭ nelonge komenciĝis kurso por infanoj en Montjelo (Montiel) al kiu aliĝis 17 lernantoj 10-13 jaraĝaj. Tie estas uzata la Zagreba Metodo.

En oktobro ili gastigis rusinojn, kaj organizis por ili kulturajn kaj turismajn renkontiĝojn kaj vojaĝojn tra Kastilio-Manĉo kaj Andaluzio. Poste,ili partoprenis en la Lingva Festivalo de Cheboksari (Rusio), kie ili instruis pri la hispana kaj esperanta lingvoj.

Raul Martínez

## Kantabrio

La 20an de januaro, grupo de esperantistoj de KantEa ekskursis al Liérganes



## Katalunio

Barcelona Esperanto Centro festis dimanĉe la 17an en sia sidejo. Prelegoj estis aranĝitaj:s-no Aragay pri “kia lingvo estas Esperanto?”, Pako Crespo pri “ La unua Popola Enciklopedia Ateneo” kaj Luis Serrano “ Kial ankoraŭ ne triumfis Esperanto? Poezio ne mankis; Joan Muñoz legis sent-vekigajn poemojn. Martí Guerrero planis fari prelegon, sed tiu ne povis okazi, ĉar li tiam estis en Hospitalet, deĵorante en budo de loka ferio, disvastigante esperanton.

La saman tagon, en Sabadell, 27 homoj bankedis en la restoracio ‘Marco Polo’ kie eblas konsumi mediteraneajn kaj orientajn manĝaĵojn.

Novaj babiladoj estis organizataj de KAE kun la temoj :“La Alianco de Civilizacioj” kaj “Sportoj”_

**Ekspozicio kaj prelego**

De la 8a ĝis la 21a de februaro estis prezentita la eskpozicio “ Esperanto en la antikva Barcelono, kompilado de bildkartoj,insignoj kaj afiŝoj” en la Civitana Centro Guinardó, fare de Ferran Ripoll. Kunlaboris BEC kaj KEFA.

Je la 20.00 h. elstara preleganto kaj estrarano de KEFA ( Kataluna Esperanta Fervojista Asocio) Martí Guerrero parolis antaŭ 40 personoj dum 30 minutoj pri la temo. “ L’ anglès

i l' Esperanto". Jen liaj ĉefaj ideoj: "La aktuala situacio de la angla lingvo estas superrega ene de la internaciaj kunvenoj...... Malgraŭ la avantaĝo, ĝi ne estas valida por ni kiel internacia lingvo, ĉar ĝi estas tre malfacila pro siaj abundaj esceptoj. Kontraŭe, la logika planlingvo Esperanto kreita de Zamenhof, kun 16 bazaj reguloj, sen esceptoj, vortaro internacia, alfabeto de la plej gravaj eŭropaj lingvoj, lernigita en pli da 30 universitatoj el 20 landoj, estas la unika solvo por detrui la lingvajn problemojn de nia civilizacio". Tondra kaj longa aplaŭdo sigelis la oratoron.

Poste, Antonio de Diego, prezidanto de KEFA, informis nin pri la lingvaj problemoj de la lokomotivestroj kiuj trapasas Eŭropon. Pro tio, li, en sia kunveno kun la fervojistaj aŭtoritatoj de Madrido, proponis Esperanton. La publiko dankis lin pro la propono.La evento finiĝis per komuna tostado.

Salvador Aragay




Unu el la montromebloj de la eksposicio

## Madrido



Sukcesa estis la bankedo de la 16an de decembro en la kvartalo Vallecas duoblante la kvanton da homoj de la pasinta jaro, multaj el ili estis lernantoj en la kursoj de Pedro Hernández. Estis eblo aĉetetumi en la libroservo de SATeh, kiu situis en la librejo *Muga*, same kiel la kursoj. Poste, oni projekciis la filmon Gerda Malaperis.



↑Lernantoj de la e-klasoj en la biblioteko Vázquez Montalbán, gvidataj de Alejandro Pareja

Dimanĉe, la 4an de februaro okazis meso en Madrido,je la 10.30,dissendita far la 2a ŝtata kanalo. La ceremonio estis en hispana lingvo, sed fine oni kantis *Ave Maria*, en Esperanto, fare de la koruso madrida "Verda Stelo".

# Kunsido de la Patronaro de Fundación Esperanto




La 16an de decembro de 2006 okazis en Zaragozo kunsido de la patronaro de "Fundación Esperanto". El inter la aferoj pritraktitaj, menciindas:

## 1. Monhelpoj pri E-aktivaĵoj dum 2006

Rilate al la monhelpoj anoncitaj por la jaro 2006 (kaj publikigitaj en "Boletín" n-ro 374 de jan.-feb.2006), la decido pri pagoj al grupoj estis:

➤400 eŭroj al "Grupo Esperantista de Bilbao", pro la organizado de E-kurso en la Universitato.

➤ 400 eŭroj al "Astura Esperanto-Asocio", pro la organizado de E-kurso en la Universitato.

➤400 eŭroj al "Sociedad Esperantista de Tenerife", pro la organizado de E-kurso en la Universitato.

## 2. Programo por la jaro 2007

Oni decidis helpi dum 2007 al E-grupoj pro jenaj aktivaĵoj:

➤ Organizado de E-kursoj en oficialaj lernejoj en iu ajn nivelo (alta, meza aŭ baza; tio estas, en universitato, liceo aŭ infanlernejo) dum 2007.

➤ Publikigo en 2007 de libroj pri/aŭ en Esperanto.

Iu ajn alia aktivaĵo kongrua al celoj de la Statuto de la Fondaĵo laŭ antaŭa peto kaj aprobo de la Patronaroj. La konkreta monkvanto dependos de la cirkonstancoj. Principe, la kompleta kvanto por ĉiuj grupoj kaj aktivaĵoj estas entute 1.200 eŭroj. La limdato por la petoj estos la 30a de novembro de 2007 kaj oni devos akompani la koncernajn pruvilojn pri la aktivaĵo farita. Ankaŭ oni aprobis la buĝeton kaj dokumentojn prezentendajn antaŭ la Registaro kiu estas la Protektorato.

La sekretario

En la pasinta jaro surmerkatiĝis 204 libroj en/pri Esperanto sur entute 30 mil 78 paĝoj. Ilin produktis 114 eldonintoj. Plej multe eldonis"Libro-Mondo" (Pollando). Pliaj statistikaĵoj estas en la tradicia revuo de Aleksander Korĵenkov "Eldonado en Esperantujo: jaro 2006". Ĝi aperis en la februara kajero de "La Ondo de Esperanto" kaj jam estas legebla en la retejo de "La Ondo" ĉe: http://www.esperanto.org/Ondo/ en la rubriko "Novaĵoj".

ret-info

# Krizo en Pola Radio

La 2an Novembro pasintjara, la redaktorino de la programoj en Esperanto de Pola Radio, Barbara Pietrzak, informis al la aŭskultantaro ke la nova direkcio de la radiostacio decidis fermi la esperantajn elsendojn.

Rapidege, la malgaja novaĵo disvastiĝis en la esperantaj medioj de la kvin kontinentoj, pere de la interretaj forumoj.

Okazis tuja reago, kiu konkretiĝis en la amasa sendado de plendoj al la polaj ambasadoj en multaj landoj, al la pola Ministerio pri Eksteraj Aferoj kaj al la direkcio de Pola Radio. La Prezidanto de UEA, Renato Corsetti, sendis plendmesaĝon al la Prezidanto de la Pola Respubliko, Lech Kaczynski.

La elsendoj en Esperanto de Pola Radio estis inaŭguritaj la 4an Aprilo 1959. Dum 47 jaroj la esperantaj programoj okazis seninterrompe, kun la escepto de kelkaj tagoj en la komenco de la ŝtat-puĉo de Jaruzelwski en 1981. La elsendoj, unuamomente nur per mallongaj ondoj, kun la teknikaj progresoj estis dissendataj ankaŭ per satelito kaj lastatempe ankaŭ per Interreto.

Dum sia 47-jara ekzisto, la esperanta programo ĉiam ricevis apogon de la polaj aŭtoritatoj, malgraŭ la multnombraj politikaj ŝanĝoj de tiu lando. Dum la regado de la modera maldekstra Prezidanto de Pollando, Aleksander Kwasniewski, la apogo fariĝis pli eksplicita, speciale fare de la prestiĝa politikisto Bronislaw Gemerek, tiama Ministro de Eksteraj Aferoj. La tiama prezidanto de Pola Radio, Andrzej Siezieniewski, faris jenajn altfavorajn deklarojn pri la esperanta programo: "Malgraŭ malgranda konsisto de tiu ĉi redakcio kaj ĝia mallongdaŭra programo, sole duonhora - la rezulto de ĝia emisiado estas tre grava, ĉar ni atingas tiamaniere la mondajn elitojn. Ĉar kiu parolas Esperanton? Homoj ĉiuflanke edukitaj, homoj okupantaj altajn postenojn en siaj landoj. Do, ebleco komuniki en tiu ĉi lingvo signifas eblecon - kun la mesaĝo, kiu tre gravas por la Pola ŝtato - atingi mondajn elitojn rekte."

La drasta politika ŝanĝo, post la baloto de la 25a Septembro 2005, kiu kondukis al la elekto de la ekstrem-dekstrula Lech Kaczynski kiel Prezidento de la Respubliko kaj de lia ĝemela frato kiel ĉefministro, tuŝis ankaŭ Polan Radion. Meze de 2006 la direktoraro de la stacio estis radikale anstataŭita. La nova stacia prezidanto, Krzysztof Czabanski, elektis kiel respondeculo de la poreksterlandaj programoj s-ron. Jerzy Targalski. Tiu ĉi decidis likvidi la esperantajn elsendojn. Liaj asertoj, en kunveno kiun ĉeestis Barbara Pietrzak, vekis grandan skandalon. ĉar unu el la argumentoj favoraj al la esperantaj programoj baziĝis sur la fakto, ke tiu lingvo kreita far Zamenhof naskiĝis en

Pollando, Targalski sarkasme aludante al la juda deveno de la kreinto de Esperanto asertis: “Se Pollando devas elsendi esperante, kial ne faras tion Israelo?

Tiu skandalo atingis la paĝojn de la prestiĝa liberala ĵurnalo “Gazeta Wyborcza”, vekante multajn reagojn de ties legantoj. La plendoj atngis la Ministerion pri Eksteraj Aferoj, kiu jam estis ricevinta plendojn el la tuta mondo. La voĉportanto de la Ministerio deklaris ke ĝi estas favora al la daŭrigo de la elsendoj. Tiam oni interkonsentis pri nova strukturo por la programoj, kiuj nur estos emisiataj per Interreto. Gabi Kosiarska estis dungita kiel redaktorino kaj parolistino de tiu nova formulo, kiu komencis siajn elsendojn pasintan 9an de Januaro. En la novaj programoj kunlaboras Barbara Pietrzak.

La elsendoj estas riceveblaj per “podkasto” aŭ tute simple per formato MP3 en la adresoj:
http://www.polskieradio.pl/eo/ kaj
http://www.polskieradio.pl/podcast/39/podcast.xml

Darío Rodríguez

BELETRA ALMANAKO
Estas nova projekto de libroforma periodikaĵo kiu temos pri literaturo. Redaktas ĝin Jorge Camacho

.librejo.com/beletra-almanako

# Nova ‘socialiga retejo’




La kreintoj de eklaboru.com (esperanta paĝaro por labor-serĉado) nun proponas ‘socialisman retejon’, www.amikumu.com

Tiaspecaj retejoj fariĝis tre popularaj en la lastaj jaroj, kaj tiu modo ankaŭ influas esperantujon. Socialiga retejo estas interreta komunumo kiu ofertas diversajn servojn al siaj aliĝintoj, kiel ekzemple, interŝanĝon de informo, kontaktilon, videon, taglibron, ktp.

La nova projekto celas ne nur krei esperantan alternativon, sed vere konkuri kun paĝaroj kiel *youtube* aŭ *myspace*, per estonta traduko de la servoj. Se tiu ambicia plano realiĝos, tio estus bonega propagando por nia lingvo. Tamen, nuntempe la servoj simplas. Ni povas alŝuti fotojn kaj situigi nin en monda mapo. Aliaj servoj venos poste, laŭ la administrantoj.

# Prelego pri Esperanto en la Civila Milito

Mi ĵus havis la neripeteblan ŝancon ĉeesti, en mia propra universitato UNED, prihistorian internacian kongreson kie Esperanto estis prezentata. La kongreso okazis de la 27a ĝis la 29a en la ĉefa sidejo de UNED, en la urbo Madrido, kaj Ĝi pritraktis la temon de la hispana civitana milito, okaze de la 70a datreveno de ĝia komenco; kurioze, la loko kie la kongreso disvolviĝis estis scenejo de gravaj bataloj por la konkero de la ĉefurbo.

La prezentadon pri Esperanto subskribis Toño del Barrio, direktoro de Fundación Esperanto, kaj Ulrich Lins, grava germana esperantisto, aŭtoro de la tre konata verko "La danĝera lingvo", kiu rakontas pri persekutado de esperantistoj fare de diktatoraj reĝimoj. Kompreneble, estis planite ke Toño prelegos hispanlingve (ĉar la laborlingvo de la kongreso estis la hispana); tamen, ni povis ĝui la ĉeeston de Ulrich Lins dum la kongreso, danke al stipendio de la kongresa organizo.

La 27an de novembro ekis la kongreso per grava -tamen ne tro pompe- solena inaŭguro fare de la Ŝtata ministro pri kulturo, la rektoro de UNED kaj la organizanto de la kongreso. Poste okazis la festparolado prelege de s-ro Jorge Semprún, eksministro pri kulturo, filo de ekzilito pro la hispana civitana milito. El liaj vortoj mi deziras atentigi pri plurfoja aludo al romano de André Malraux, titolita, kurioze, La Espero. S-ro Lins ĉeestis la tutan ceremonion, kiun mi resume interpretis al li.

La kongreso strukturiĝis laŭ-sesioj de du specoj: kelkaj publikaj prelegoj kaj debatrondoj, kaj multaj laborkunsidoj nur por kongresanoj, klasifikitaj laŭ fakaj temoj.

Al la kongreso estis senditaj 248 manuskriptoj el kiuj 178 estis akeptitaj, inter ili tiu de s-roj del Barrio kaj Lins, "La utiligado de Esperanto dum la hispana intercivitana milito". Tio ke la artikolo estis elektita ja estas sukceso, atribuenda al la profesia laboro de niaj du samideanoj. Ĝin metis la organizantoj en laborkunsidon nomatan "gazetaro kaj ĵurnalismo", mardon la 28an je la 9:30; pro la temo de la laborkunsido, Toño devis modifi la prelegon por emfazi la ĵurnalisman flankon de sia raporto.

La sesio komenciĝis senprobleme. Ĝi konsistis el 5 sinsekvaj 15-minutaj prelegoj pri la kunsida temo, el kiuj "La utiligado de esperanto..." vicis la kvara. La ĉambreto, kun 60-sidlokoj, plenplenis ne nur je fakesploristoj kaj kongresanoj - Ulrich Lins inter ili - sed ankaŭ - je scivoluloj; venis esperantisto, aktivulo en la madrida Esperanto-rondo, Alejandro Pareja. La prelegontoj kaj kunsidestro sidis sur sceneja podiumo.

Tri el la prelegantoj legis sian kontribuon sen helpo de lumbildoj; temis pri fakecaj esploroj pri iu ĵurnalo aŭ

ĵurnalisto, pri la manipula rolo de la postmilita frankisma gazetaro kaj pri la riparado de difektitaj tiamaj ĵurnal-eltondaĵooj. Kiam venis la vico de Toño, li uzis komputilon por montri lum-bildojn, kio multe helpis al la vigleco kaj atentoveko de la prelego, multe pli dinamisma ol la ceteraj; nur la parola lerteco de preleg-anta ĵurnalisto povis iel konku-rence kapti la atenton de la publiko.

Fakte, la temo ravis la ĉeestantojn, kiuj vidis kiel konataj historiaj homoj, kia la kolonelo Mangada, akiras alian novan dim-ension sub la verniso de nia lingvo. Jam la kunsidestro anticipis tiun reagon, kiam li prezentis la prelegon kiel "ion tute novan pri kio ni malmulte scias kaj pri kio ni ĉiuj sendube scivolemas"; kaj ja veras ke la raporto estis la plej informoplena por la ĉeestantaj fakesploristoj. Pruvo de la atento de la publiko estas la kvinminuta plilongiĝo de la prelego, kiun permesis la kunsidestro kaj kiu estis protestita de neniu.

Dum la prelego ne estis ŝanco por interveno de Ulrich Lins, ĉar li ne scipovas la hispanan. La kunsidestro prezentis lin antaŭ- la parolvico de Toño. Post la fino de la prelego estiĝis mallonga debato pri ĉiuj temoj prezentitaj, sed Esperanto estis la celo nur de unu demando, fare de aĝa blindulo kiu deziras repreni sian scion pri Esperanto. Ankaŭ, dum respondo al la publiko, alia preleginto menciis afiŝon montritan de Toño.



Toño del Barrio (maldekstre) kaj Ulrich Lins

Fine de la sesio, kelkaj al-proksimiĝis al Toño kaj Ulrich por plu demandi; la kunsidestro aparte montris intereson kaj ridetante aŭs-kultis interparo-ladon de Toño kaj Ulrich.

Manuel Pancorbo

Antaŭnelonge la ĵurnalo *El Mundo* aperigis serion de libroj sub la titolo "La guerra civil española, mes a mes", t.e. "La hispana civila milito,monaton post monato". La volumo pri la monato majo de 1938 rakontas la forfuĝon de 795 kaptitoj el la malliberejo Fuerte de San Cristóbal, Navaro. Laŭtekste: "La plano por malarmi la funkciulojn kaj gardistojn kaj kapti la fortreson estis projektita en la Unua Brigado, kie Leopoldo Pico parolis kun kelkaj en esperanto" Trovis la mencion José Francisco Platas

# 33a Kataluna Kongreso de Esperanto

## Amposta, 8an, 9an kaj 10an de decembro 2006.

Je la sesa matene ni ekveturis el Madrido por partopreni en la 33a Kataluna Kongreso de Esperanto. La programo prezentas grandan intereson, tiel ni stimuliĝis por fari tiun fruan ellitiĝon.

Post kelkaj horoj vojaĝante, ni atingis Amposta-on sufiĉe ĵustatempe por ĉeesti en la solena inaŭguro, kiu okazis en la urbodomo, kaj tiel ricevi la bonvenon al la partoprenantoj. Poste ni alvenis en la kongresejon kaj faris la tipan kaj ritan rekuniĝon kun malnove konataj samideanoj, kiel la ĉieesta Sylvie el Tuluzo aŭ Farri el Barcelono, inter aliaj.

La kongresejo estis somer-sportgastejo tre komforta kaj tute taŭga por la evento, kun bonaj dormĉambroj, manĝejo (kaj kuirejo) kaj salonoj por disvolvi la programerojn.Tiel ni ĝuis tri tagojn plenitajn de riĉaj prelegoj, atelieroj kaj koncertoj, sen forgesi la noktan diboĉadon en la diskejo.

Indas speciale menci la prelegon de la ĵurnalisto Stefan Maul "Monato: ekzemplo de interkultura magazino". S-ro maul defendis kiel esperanto favoras la dialogon inter kulturoj donante komunan bazon pere de siaj kultur-valoroj, kaj la ekzemplo de la internacia revuo "Monato" montras tion. Ankaŭ okazis kunveno de Monato-abonantoj, kie oni demandis pri la funkciado de la magazino kaj oni parolis pri la kondiĉoj por esti kunlaboranto.

Kiel kutime, la kantisto JoMo donacis al ni mirindan koncerton, eĉ nur li mem sur scenejo kapablas fari grandan muzikan spektaklon. JoMo ankaŭ prezentis sian unuan romanon, verkita en la okcitana, kiu disvolviĝas en Ukrainio dum la bolŝevisma revolucio.

D-ro Przemyslaw Grzybowski, pedagogo, kondukis interesan atelieron pri "Kio estas interkulturo?", analizante kiel okazas la situacio en kiu almenaŭ du (kutime pli ol du) malsamaj kulturoj kontaktas kaj polemikas (eĉ batalas), kaj kiel la interkulturo proponas solvon pere de alproksimado, dialogo, kaj inter-kompreno por eviti la konfliktojn. Ankaŭ pri interkulturo temis la prelego de Jordi Solé "De la interkulturo ĝis la normaleco".

Por la sano estis interesaj la atelieroj pri ĉigongo (ĉina strečanta gimnastiko) de Joan Inglada, kaj pri Jogo (hinda strečanta gimnastiko) de S-ro Mukunda Pathik, el Nepalo, kiu ankaŭ prelegis pri la lingva diverseco kaj la E-movado en sia lando. Aliaj prelegoj kiuj rilatis al lingvoj estis "La eŭskoj kaj ilia lingvo" de Xabier Rico, "Lingva ekologio kaj esperanto" de Abel Montagut, "Zamenhof kaj la jido" de

Hektor Alòs kaj “Kreado kaj evoluo de la lingvo esperanto”, tiu lasta en la kataluna, far Hektor , kaj ankaŭ de la sama preleganto “Ideologiaj konfliktoj en la unua esperantismo”. Gerard Escuer gvidis atelieron pri Vikipedio, kiu atingas jam pli ol 55.000 artikolojn en la esperanta versio.

Kompletigas la buntan programon prelegoj pri, respektive, sociaj, historiaj kaj sciencaj temoj: la movado por la rajto je digna loĝejo (temo de furora aktualeco) de Paco Belmonte, pri la islamanoj en mezepoka Katalunio de Carles Vela kaj pri la malkresko de glaĉeroj en Eŭropo de D-ro Dore Kasimir.

Finfine la lasta koncerto en la urba teatro de Amposta: Kaj Tiel Plu kantis sian repertuaron, kiu estas bazita ĉefe sur tradicia, mezepoka, trobadora kaj sefarda kantaĵoj, kaj eĉ faris omaĝeton ludante kanton pri la defendado de Madrido dum la intercivitana milito dediĉita al ni, la madridanoj kiuj alvenis al la Kongreso.

Bedaŭrinde ni ne povis partopreni en la gvidata vizito al Amposta ĉar ni devis reveturi hejmen. Resume, la Kongreso estis tre bone organizita, la programo esperante altnivela, la partoprenado sufiĉe amasa (pli ol 150 homoj), kaj la etoso tre ĉarma kaj amuza. Ni gratulas la organizantojn!

Felix M.J. Lobo



Gaja spontana kantado en la kongresejo. Foto de P Grzybowski. La partopreno de junuloj en la kongreso estis abunda.

## Vidpunkto de komencanto

De kiam mi unue aŭdis paroli pri Esperanto, mi pensis, ke la ideo de internacia lingvo estas bonega. Sed mi bezonis, ke iu instigis min lerni. Finfine, en septembro de 2006 mi decidis eklerni ĝin. La Kataluna Kongreso estis granda okazo por provi mian konon de la lingvo. Tio, kio impresis min, estis la senĉesa kaj flua interŝanĝo, kiu instigas min nun perfektigi mian E-on. Krome, mi konsciis pri la granda ebleco koni novajn homojn: nenie, krom en E-renkontiĝo, oni povas trovi tiel diversajn kaj samtempe tiel ĉarmajn homojn. Nun, mi atendas la Iberian Renkontiĝon en Madrido, kie mi sendube ĉeestos.

Juan Trenado

# Tra Iberio

Tatjana Loskutova estas rusa samideano kiu vizitis Portugalujon kaj Hispanujon pasintan someron. Dum ŝia restado en nia lando, ŝi renkontis plurajn hispanajn esperantistojn. Jenas la rakonto de ŝia vivsperto, kiel elmontro de tiu unika ŝanco turismadi ie ajn kiun ĝuas ni esperantistoj.

[...] Por reveni hejmen mi devis traveturi Hispanion. Do, mi profitis la okazon viziti ankaŭ alian Iberian landon. De sufiĉe longe mi ne povis trovi gastiganton. Ĉiuj miaj konatuloj ne atingeblis: ankaŭ en Hispanio oni ferias forlasante la landon por eviti altajn temperaturojn. Tamen, mi bonŝancis.

La veturo al Madrido estis planita per taga buso por mi povu pli bone vidi la iberiajn pejzaĝojn. Tre komforta kaj larĝa busfotelo kun klimatizilo disponas al dormeto, des pli tiom glata estas ŝoseo, ke oni ne sentas radskuojn. Tamen vigla diversstila muziko en aŭskultiloj, per kiuj estas ekipita ĉiu loko, kaj alloga pejzaĝo direktas miajn okulojn transfenesten. Ili "fotas" kaj tielmaniere memorfiksigas porlonge vitejojn kaj pomarbajn kampojn, ebenaĵojn kun paŝtantaj ŝafoj kaj bovinoj, montetojn kun sovaĝaj olivarboj, kurbajn turnojn kaj rektliniajn aŭtoŝoseojn, ege bluan ĉielon kaj senkompatan aŭgustan sunon.

En madrida busstacio min renkontas Manuel Pancorbo, kiun mi apenaŭ rekonas. Ni konatiĝis en Gresillon en 1997, kiam li lernis en unuagrada kurso, paralela al la mia, duagrada. Nun Manuel estas ne nur bone E-parolanta juna viro, sed ankaŭ aktivulo de sia landa E-movado. Veturante al *Galapagar*, kie loĝas Manuel kaj kiu iom foras de Madrid, ni babilas memorante nian komunan restadon en la kastelo, nian renkonton dum UK en Montpellier kaj iom pri ĉio. Mi havas nur 3-4 tagojn por konatiĝi kun hispana ĉefurbo, pro tio kun Manuel kaj Coral, lia edzino, ĝis malfrua nokto ni pridiskutas itinerojn de mia madridumado. Ambaŭ miaj gastigantoj laboras dumtage, do mi vagados sola.

En Madrid funkcias ankaŭ turista buso, kie riceveblas klarigoj en la rusa lingvo. Tuttage ĝi ĉirkaŭas la urbon, kaj ĝin eblas forlasi en iu ajn haltejo promenante en certa kvartalo, kaj poste denove enbusiĝi daŭrigante vojon al alia interesa por vi loko en la urbo. Do, mi uzis tiun-ĉi buson por ĉirkaŭrigardi la hispanan ĉefurbon. Vespere Manuel sukcesis kontakti iun el madridanoj, Alejandro Pareja, kiu volonte konsentis akompani min la sekvantan tagon al fama muzeo "El Prado". Coral desegnis surpapere verdan stelon kun mia antaŭnomo. Alejandro venis kun E-revuo en la manoj kaj E-ŝildo. Tiom bone ekipitaj ni ne riskis preteriri unu la alian! Profesia tradukisto el la angla Alejandro tre rapide ellernis Esperanton kaj jam 4 jarojn lerte praktikas ĝin trovinte inter

ĝiaj uzantoj multajn novajn kaj interesajn geamikojn. Post la vizito al la muzeo, kie ni sukcesis ankaŭ ekvidi la ekspozicion de Picasso-pentraĵoj, tagmeze ni sidis en tipa trinkejo gustumante senalkoholan bieron kaj priparolas vesperan renkontiĝon. Sed antaŭ vespero mi intencis viziti la reĝan palacon, kaj Alejandro helpas al mi orientiĝi en la urbo. En *Palacio Real* mankas (denove!) informoj en la rusa lingvo kaj en Esperanto ankaŭ!!! Konstruita en klasika baroko sub franca kaj itala influoj laŭ principo de kvarangula fasado, la reĝa palaco havas ĉiujn flankojn fakte egalaj. Do, provizita de franclingva parolilo mi transiras de unu riĉe ornamita ĉambro al alia, de porcelana salono al la trona, admirante surplafonajn skulptaĵojn, enormajn spegulojn kaj kelktunajn lustrojn, ktp.



Palacio Real (Reĝa Palaco) en Madrid,

Je la sesa kaj duono en la fiksita punkto en centro de la urbo mi renkontiĝas kun Alejandro kaj Áurea, komencantino. Ili pretas montri al mi lokojn, kiuj ne ĉiam estas atingeblaj por ordinaraj turistoj. Ni iras laŭ malnovaj stratoj, atingas la placon *Mayor*, kies fondiĝo estas ligita kun la nomo de Filipo la Tria. 136 kvarnivelaj samstilaj domoj kun 437 balkonoj estas kunligitaj kaj formas grandegan kvadraton. Ĝuste ĉi-tie okazis diversaj festoj kaj eventoj: turniroj, luktoj de bovoj, proklamoj kaj geedziĝoj de reĝoj, ekzekutoj, popolaj festoj. Ankaŭ nun la placo estas loko de renkontiĝoj kaj de promenoj. Aparte viglas la vivo sur la placo dimanĉan matenon, kiam sub arkoj funkcias bazaro de antikvaj poŝtmarkoj kaj moneroj. Iom lacaj pro la longa, tamen riĉiga promeno, ni eksidis en surstrata kafejo kaj gustumis iom ebriigan "sangrion", tre freŝigan trinkaĵon kun pecoj de diversaj fruktoj. Telefonis kaj atingas nin ankoraŭ unu esperantisto, Felix Lobo, kiu ĵus liberiĝis post labortago.



La s-anoj ne pretelasis la okazon fotiĝi kun la katedralo *La Almudena* kiel fono. live-dekstre Félix, Àurea Alejandro kaj Tatjana

Alian tagon buso veturigas min al Toledo, antikva hispana ĉefurbo. Ĝi distancas unu horon de Madrid. Promeni laŭ pavimoj de malnova urbo kun mallarĝaj stratoj estas malfacile: ŝtonoj kaj ŝtonetoj dolorigas piedojn, kiuj senlace paŝas kaj paŝas. Tamen indis viziti kaj la antikvan katedralon superantan ĉiujn konstruaĵojn en Toledo, kaj la kastelon, kaj la etan preĝejon Santo Tomé, kie estas eksponata unu el famaj pentraĵoj de El Greco *El Entierro del Conde de Orgáz* "La enterigo de la Grafo de Orgaz"

Interurbaj busoj estas relative malmultekostaj en Hispanio, kompare kun trajnoj. Des pli, se veturi dumtage, vojaĝo iĝas plezuriga. Ĝis Zaragoza la buso duonplenas, sed poste ĉiuj lokoj estis okupitaj: ĉu en Hispanio ĉiuj vojoj kondukas al Barcelono? Je la kvina posttagmeze en kataluna stacidomo min renkontas Ramon Perera, unu el miaj Gresillon -lernantoj, kiun mi konas pli ol 15 jarojn. Profitante la longan someran tagon ni ekiras al la urbo. Tute apudas daŭre konstruata kaj tre kurioza laŭforme katedralo *Sagrada Familia*• (Sankta Familio), kies talenta aŭtoro estas arkitekto Gaudí.

Senĉese alvenas busoj al tiu-ĉi loko kaj diverslandaj turistoj rigardas, fotas, filmas la faman multpintan templon. Tage homoj subsune staras envice por eniri ĝin. Tamen, nun Ramon volas nepre montri al mi alian allogaĵon de vespera Barcelono. Veturante per moderna metroo ni eliras sur la *Plaça d'Espanya.*



Sagrada Familia, ankoraŭ ne finkonstruita monumento

Antaŭ ni, sur la monteto, videblas la majesta konstruaĵo de arkivejo, kaj el post ĝia kupolo naŭ (laŭ kvanto de literoj en la vorto "Barcelona") suprenprojektitaj lumradioj formas kvazaŭ kronon. La homa tumulto igas ankaŭ nin rapidi al granda fontano: ni apenaŭ sukcesas al komenco de akva spektaklo. Eksonas muziko kaj ekmoviĝas strifluoj: kurtaj aŭ longaj, rapidaj aŭ lantaj, gajaj aŭ tristaj depende de akompananta melodio kaj de diverskolora lumigado, ĉiam ŝanĝiĝantaj. La prezentaĵo daŭras 10 minutojn, sed ni, kiel plejmulto de ĉeestantoj, emas sperti ankoraŭfoje belan spektaklon. La vica ripetiĝis post

duonhoro, absolute nova laŭ formoj, koloroj kaj muziko.

Iun posttagmezon ni kun Ramon vizitas ankoraŭ unu mian Gresillon-lernanton, Lluís Armadans, jam maljuniĝintan, sed ankoraŭ sufiĉe vigla sinjoro.

Karles Berga, kiu gastigas min, estas aktivulo en la kataluna e-movado. Fervora adepto, li denaske E-paroligas sian filon. Karles mem estas posedanto de librejo de brokantaĵoj, kie sur unu el bretoj trovis lokon E-libroj.

Du vicajn tagojn mi pasigas en la urbo, uzante jam konatan duetaĝan turistan buson. Sed aŭskultiloj mankas, la ciceron(in)o pri vidindaĵoj de la kataluna ĉefurbo skize parolas en la kataluna kaj en la angla lingvoj, sed ne en la hispana aŭ franca lingvoj. Tio surprizas min, ja Katalunio estas parto de Hispanio kaj ĝis Francio estas nur 60 kilometroj!...

Finiĝis mia trisemajna restado en Iberio, kaj mi iom tristis adiaŭi kun ĝi. Tamen restos porlonge en la memoro Portugalio kaj Hispanio, iliaj homoj, kiuj estas ligitaj geografie, historie kaj kulture. Mi aldonu, ke varma gastameco ankaŭ estas unu el komunaj naciaj trajtoj de la iberia popolo.

Tatjana Loskutova

## La junularo, alvokita en Italion




En 2007 okazas la 120a datreveno de la publikigo de la unua gramatiko de esperanto. Itala Esperanto Junularo proponas vin partopreni en la 31a Internacia Junulara Festivalo de la 5a ĝis la 10a de aprilo. La celoj estas prezenti la samajn principojn de toleremo kaj paco kiuj inspiris al Zamenhof kaj aliajn. Interkultura komunikado, respekto al minoritatoj, interkompreniĝo kaj porpaca edukado estos kelkaj el la temoj de la evento. La kongresejo situas en Lignano Sabbiadoro, urbeto proksime al Trieste kaj al Venecio.

www.iej.esperanto.it/



Plaĝoj estos unu el la ĝuindaĵoj
bildo el Wikipedia

# Gazetoteko Lanti: www.gazetotekolanti.com

## Historio, kiel oni faras ĝin, kaj kiel oni povas helpi pri ĝi

Se vi, leganto, kutimas la dissendoliston esperantan *Esperanto-en-Hispanio*[1], vi certe jam legis pri tiu gazetoteko, virtuala loko, kie oni trovas interesajn magazinojn de la pasinto kaj pasanto. Mi kreis ĝin je 2003 kun la intenco, ke ĝi enhavu plej eble kiel multe da esperantaj magazinoj. Mi havas sufiĉe da magazinoj, ĉar ne vane mi estas esperantisto de 1973, sed mi fojfoje perdis numeron, poste mi retrovis ĝin, sed la momenton, kiam mi devis pruvi al kunparolanto, ke la diskutata evento okazis aŭ estis aprobata de tiu aŭ de ĉi tiu samideano, jam pasis, kaj bedaŭrinde oni konkludis aferojn nekorekte, aŭ simple oni eraris unufoje plu... Ankaŭ, estis forta penso antaŭ mi tio, ke esperantistoj kutime estas homoj, kiuj ne multe da mono havas, kaj ni estas dise tra la mondo, kaj niaj rilatoj ne facilas. Se ni sendas magazinon al samideano, estas eble, ke ni jam perdis ĝin. Ni povas sendi fotokopion, evidente, sed la kosto de la sendo estas same, kaj ankaŭ ekzistas nun pli rapidaj kaj mal-multekostaj rimedoj, en la aĝo de komputiloj interrilatitaj de fadenoj, tio estas, retigitaj per interreto.

Mia ideo ŝuldas multe al ideoj de aliaj samideanoj. Unue, mi konsideris la pledon de Nikolao Ŝil, kiu per artikolo en ĉi tiu magazino[2] iam petis esperantajn magazinojn kaj librojn de malnovaj samideanoj por uzo de novaj kaj re novaj. Due, mi vidis la retejojn de Don Harlow[3] kaj Marteno Wichert[4], kiuj havigas multe da esperanta materialo al esperantisto, kiu havas retaliron. Se oni deziras vidi libron en Esperanto tute senkoste, oni vizitu vi tiujn retejojn. Don Harlow kaj Marteno Wichert inkluzivis en sia retejo multe da literaturaj juveloj mondaj, kaj se oni deziras konsulti tute profesian kaj lastvortan gramatikon de Esperanto, mi konsilas viziti la retejon de Bertilo Wennergren[5] kiu enhavas lian bonegan kaj klaregan *Plena Manlibro de Esperanta Gramatiko*, mallonge PMEG, kiu jam famiĝis inter esperantistoj laŭ la tuta mondo. Oni ankaŭ povas trovi ĝin en surpapera versio, je la kutimaj librovendejoj esperantaj, se vere ne senpage, kiel tra la retejo.

Trie, sed ne malpli grave, estas la simpla fakto, ke mi mem publikigas esperantan magazinon de 1996. Mi redaktas de antaŭ dek jaroj. Mi jam havas

---

[1] Vidu je http://es.groups.yahoo.com/group/esperanto-en-hispanio/

[2] Vidu ***Kajeroj el la Sudo 41-a***, pagxon 18-an (http://www.gazetotekolanti.com/kajeroj/

[3] Vidu je http://www.webcom.com/~donh/don/don.html

[4] Vidu je http://www.math.chalmers.se/~martinw/esperanto/bibl/

[5] Vidu je http://bertilow.com/pmeg/

ideon pri tio, kio estas publikigi esperantan magazinon, ne ĉiam akurate, sed ĉiam aperante kvar fojojn jare. Tio havas multe da problemo kaj laboro, kaj neniu el ili du ĉiam bone komprenata de aliaj homoj, eĉ se esperantistaj. Senrigardante la atakojn politikajn, la afero ja enhavas multe da laboro, kaj tiu konsidero igis min pensi, ke aliaj redaktoroj ankaŭ trovis multe da problemoj kaj laboro por publikigi siajn magazinojn. Kaj ne per tiom favoraj kondiĉoj, kiujn mi havas nun, je la 21-a jarcento, kun komputiloj kaj aliaj maŝinoj, kiuj malpezigas multe tiun ĉi taskon. Ili senlace laborante, ĉu kun helpo de amikoj kaj aliaj samideanoj, ĉu tute solaj, produktis paperaĵojn, kiujn ili sendis eble al deko, al cento aŭ al milo da abonantoj. Post kelkaj jaroj, la eldono de la koncerna magazino haltis, pro iaj ajn kialoj, kaj la sola atestoj, ke ili ekzistis, kuŝis provizore sur la bretoj de kelkaj homoj dise laŭ la mondo. Sed tiuj homoj ne ĉiam kunhavis tiujn magazinojn, bedaŭrinde en multaj kazoj pro tio, ke ili ne havis iun ajn kunhavi ilin: je la morto de esperantistoj, vidvinoj aŭ georfoj vendis la librojn kaj magazinojn de la mortintoj, aŭ plej ofte, metis ilin en rubujon. La afero estas bedaŭrinda ne nur pro tio, ke neniu alia homo profitos el tiuj publikaĵoj, kiel plendis Nikolao, sed estas eĉ pli dolora la fakto, ke tiel malaperis magazinojn, kiujn oni faris per multe da laboro kaj peno. Kiom da ili jam malaperis, kvazaŭ ili neniam ekzistintus? La historio de Esperanto, bedaŭrinde, devas pasi sen ili.

ankoraŭ ni povas savi tiujn magazinojn, kiuj ankoraŭ kuŝas sur bretoj niaj, kiuj eble estas unikaj numeroj en la mondo.

Nu, ni ne povas rehavi ilin, sed ankoraŭ ni povas savi tiujn magazinojn, kiuj ankoraŭ kuŝas sur bretoj niaj, kiuj eble estas unikaj numeroj en la mondo. Per aldono al la ***Gazetoteko Lanti***, ni povas venki Tanaton[6], kaj eternigi ilin, vivigi ilin por ĉiam.

Sed ni ne volas perdi ilin, kaj oni jam scias, ke se oni sendas magazinon al esperantisto, ĉefe se ni neniam vidis lin antaŭe, ni riskas perdi ĝin. Nu, mi solene promesas, ke ĉiun magazinon senditan al mi por inkluzivigo en la ***Gazetoteko Lanti***, mi resendos plej eble kiel rapide. Sed se oni ne deziras havi riskon, oni povas sendi al mi fotokopion de la magazino. Laŭ la teknologio, kiun mi uzas por kompili la koncernajn dokumentojn, se la fotokopio estas bona kaj klara, ja sufiĉas. Tiukaze mi forĵetos ĝin kiam mi jam uzis ĝin. Sed estas alia afero, kiun oni povas fari, kiu estas pli rapida, pli malmultekosta, kaj pli simpla por mi, la zorganto de la ***Gazetoteko Lanti***: vi mem pretigu la dokumenton, kaj sendu al mi per interreto, aŭ per *helika* poŝto per diskedo. Mi klarigas la procedon en la venontaj paragrafoj.

6 Laŭ pragrekoj, *Tanatos* aŭ *Tanato* estis dio de morto.

## Kiel fari virtualan magazinon

Unue oni devas skani ĝin, paĝon post paĝo. Skanilo estas aparato, kiu tradukas imagon en serion da nombroj. Tiun serion oni povas registri en komputilon per *dosiero*, alidirite *arĥivo*, kiu estas, baze, aro da konitaĵoj ĉikaze nombroj registritaj sub aparta kaj unika nomo. Ekzistas sufiĉe diversa aro da eblaj manieroj organizi la nombroj en la dosiero, kaj pro tio mi akceptis kelkajn konvenciojn, kiujn mi priskribas sekve. Kvankam mi laboras de kelkaj jaroj per senpaga operativa sistemo Linukso, mi ankoraŭ ne migris tute en tiun mirindan sistemon, kaj mi uzas Vindozon *(Windows)* por tiu ĉi tasko. Do, mi priskribos tion, kion mi faras, esperante, ke kelkaj legantoj ankaŭ povos fari same, kaj tiel ili povas kunlabori en la Gazetoteko Lanti.

Aldone al Vindozo, mi uzas la programojn *Paint Shop Pro*-n (PSP) kaj *Acrobat*-on. Mi ne uzas *Photoshop*-on, eĉ se oni ankaŭ povus uzi ĝin por nia celo, pro du kialoj: unue, ĝi estas multe pli kosta, kaj due, PSP estas multe pli rapida, kaj havas la funkciojn, kiujn mi bezonas por mia celo. Certe oni povas uzi aliajn programojn, sed mi esperas, ke priskribinte mian procedon, la leganto povos apliki ĝin al sia programo.

## Skanado

Unue, ni metu la magazinon en la skanilon, kaj skanu la unuan paĝon. zorgu, ke la rezolucio estu 300 pikseloj

Oni zorgu, ke la rezolucio estu 300 pikseloj per colo, kaj la imago estu nur dulokora. Oni devas instrui la skanilon uzi tekstan skanadon, eble, aŭ rekte dukoloran. Eĉ se oni povas uzi pli da koloroj, kaj poste oni ja povas traduki la imagon al nur du koloroj, la grando de la imago estas pli granda ol se dekomence oni uzis du koloran skanadon.

Povas okazi, ke la imago estas klinita iomete. Per PSP oni povas turnigi ĝin dekstre aŭ maldekstre per gradoj, dekonoj da grado, aŭ eĉ centonoj da grado, kion oni vere neniam bezonas. Gravas, ke la paĝoj estu vertikalaj.

Sekvanta paŝo estas, ke ĉiuj paĝoj en la sama magazino havu la saman grandon. PSP povas pligrandigi aŭ malpligrandigi la paĝon al antaŭdifinita grando. Tio signifas, ke ĉiujn paĝojn oni modifos al tiuj dimensiojn, por ke kiam oni kompilos la finan dokumenton, oni povos legi ĝin pli komforte.

Kaj la lasta paŝo estas konservi la imagon en nian komputilon. Oni uzu la formaton TIFn, ĉar mi trovis, ke ĝi estas plej malgranda dosiero, eĉ malpli granda ol per formato JPGo. Tiu ĉi lasta estas la plej bona elekto, tamen, se la paĝo estas kolora. Sed blan konigraj paĝoj estas pli mal-grandaj per TIF ol per JPG. Se oni uzas Linukson por skani, oni elekti subformaton LZWn. Tamen, mia sperto pruvis al mi, ke per Linukso la dosieroj estas pli grandaj ol per

Vindozo. Mi bedaŭras, ke mia nekono pri komputilarto malebligas min klarigi pri tio.

Nu, ni nombrigu la dosierojn per koheraj nomoj: ek312-49.tif, por ekzemplo, signifas, ke estas paĝo de Espero Katolika, numero 312, kaj paĝo 49-a. Kompreneble, oni povas uzi alian sistemon nombrigi la paĝojn, kondiĉe ke estu klare tio, kiun paĝon oni metu antaŭ aŭ post la aliaj.

Se oni jam havas la tutan paĝaron de magazino, oni devas kompili ilin en unusolan dosieron. Mi faras tion per programo Acrobat, de Adobe. Bedaŭrinde, ĝi ne estas senpaga, kaj fakte ĝi estas multekosta programo. Estas aliaj eblecoj, kiujn mi diskutos je la lasta parto de ĉi tiu artikolo.

## Kompilado

Kiel dirite, mi uzas la programon Acrobat. Se oni uzas Vindozon, oni povas havi la senpagan legilon *Acrobat Reader* (ĉiam uzu la lastan version, kiu nun estas la 8-a) el retadreso http://www.adobe.com.

Per tiu programo, Acrobat, mi prenas la tutajn dosierojn, kiujn mi ĵus kreis per PSP, kaj ordigas ilin, laŭ la paĝnombro, kiun mi zorgis inkluzivi en la paĝo elektronika. Post kelke da tempo, mi kreas elektronikan magazinon.

Se vi faris tiun ĉi procezon, vi povas sendi la dokumenton per aldonaĵo al retmesaĝo al mia retadreso esperato@gmail.com. Se ĝi havas malpli ol unu megabajtan grandon, vi povos sendi al mia kutima retadreso, jesuo@ono.com. Sed mi preferas, ke vi sendu al esperato@gmail. com, ĉar tiu ĉi ne havas problemon pri grando de mesaĝo aŭ nombro da ili, do via mesaĝo nepre atingos min.

Sed se vi ne povis krei la pdf-n dosieron, ĉar vi ne havas Acrobat-n aŭ vi ne volas fari tiun paŝon, vi povas sendi la dosierojn en formato TIF rekte al mi. Mi volonte faros la pdf-igon en malmulte da tempo.

## Enretigo

Tuj kiam mi jam havas la virtualan dokumenton, mi enretigas ĝin per programo AceFTP, sed mi antaŭe faris tion per FTP_WS, kiu estis senpaga por studentoj kaj instruistoj. Bedaŭrinde, ĝi iom eksmodiĝis, kaj la aŭtoro ne plu donacas la novajn versiojn. Tial, ni aĉetis multe malpli kostan AceFTP-on. Sed vi ne havos tiun problemon, ĉar mi mem enretigos tion, kion vi sendos al mi. Ankaŭ, mi devas aktualigi la indeksan paĝon de la gazetoteko, per kodo html, por ke oni facile trovu la dokumentojn en la interreta ĝangalo.

## Malmultekostaj eblecoj

Ekzistas multe malpli kosta alternativo

7 www.openoffice.org Oni ankaŭ povas trovan version senpagan por Linukso kaj Mac.

al Acrobat: OpenOfficeWriter7 estas programo origine de Linukso, sed kiun oni povas ankaŭ trovi por Vindozo. Per ĝi oni povas krei tekstajn dokumentojn, same kiel Word eĉ pli bone , kaj aldone oni povas registri la dokumenton kiel pdf formato rekte. Sed unue oni kreu blankan dokumenton, kaj en ĝin enportu la imagojn en TIF formato, kiujn oni kreis per skanilo. Poste, oni konservu rekte en pdf formato, kaj jen estas dokumento por nia retejo. Vi devas nur sendi ĝin al mi.

### Lasta pripenso

La celo de tiu ĉi ekspliko venas el la penso, ke eĉ se mi mem jam enretigis multe da magazinoj, tiu ĉi laboro estas tro granda por nur unu homo. Mi povas esti la inicianto, sed mi nepre bezonas la helpon de multe da homoj. Se multaj faras nur iom da laboro, la laboro multas. Se nur unu homo faras multe da laboro, la laboro malmultas. Ni ĉiuj kune povas donaci grandan regalon al venontaj generacioj de esperantistoj. Nur unu homo povas nur montri la vojon, kiun oni povas sekvi cele al kunhavigo de nia kulturo pere de periodaĵoj,

Jesús de las Heras

Jam aperis la februara *Le Monde Diplomatique* en esperanto!

http://eo.mondediplo.com/

# La Akademio decidas




La Akademio de Esperanto respondis al petoj por reformoj rilate la surpersignitajn literojn. Ekzemple, ke oni agnosku la 'iksan' sistemon (sx,hx...) kiel fundamentan. Tiu sistemo, cetere, fariĝas la preferata por ret-uzantoj, ĉefe pro sia flekseblo en komputilaj konvertiloj kiel tiu de Vikipedio. La temo jam estis traktata en 1982, kaj tiam la respondo estis nea pro tio, ke "Iu ajn ortografia ŝanĝo nur kompromitus la lingvon kaj ties tradicion." Fakte, la nura alternativa skribmaniero laŭ la Fundamento estas uzado de 'h' post la respektiva litero, nur uzebla kiam presejo ne posedas la tipojn .

Tamen, tempo pasas; la 21an de januaro, ĉi-jare, kvankam plene validas la Fundamento, la akademianoj deklaris, ke aliaj manieroj validas en specialaj okazoj

"Tian anstataŭigon, kiam ĝi estas nura teknika rimedo, ne celanta reformon de la ortografio de Esperanto, kaj kiam ĝi neniel kaŭzas konfuzon, oni ne rigardu kiel kontraŭ-Fundamentan."

# Hispana kaj Andaluza Kongreso 2007

Kotizoj (eŭroj):

Normala= 35
Junuloj (malpli ol 25 jaroj) = 30
Membroj de HEF –5 rabato
Membroj de AEU –5 rabato
Aliĝo antaux la 31-an de julio –5 rabato
Grupoj da 10 am pliaj –5 rabato

1.Kalkulu vian kotizon, se vi membras HEF kaj AEU kaj vi pagas antaŭ ol la 31 de junio, via kotizo estos 20 .Se vi aliĝas post la 31 de junio, aldonu 10 al la jam kalkulita kotizo.

**Restadejoj:**

Junulara gastejo en Onubo (lito kaj matenmanĝo= 15 tage)
(estas 100 litoj je via dispono)
(estas senpaga buso de Onubo al la kongresejo kaj inverse)
(la restadejon vi devas pagi per la banko kune kun la aliĝo)

**Hoteloj:** (nur informo, vi devas telefoni al ili)

Hotel La Pinta **. Telefono 959350511. Ĝi situas en Palos de la Frontera, tre proksime de la kongresejo. Prezoj (ne inkludas matenmanĝon):

§ Unulita ĉambro: 25,72 /tage

§ Dulita ĉambro por individua uzo: 32,15 /tage

§ Dulita ĉambro por duobla uzo: 51,45/tage

§ Trilita ĉambro: 64,32 /tage

Hotel La Rábida **. Telefono 959530080. "ĝi situas en Palos de la Frontera, je 5 minutoj de la kongresejo. Ni avertas ke sabate nokte en i tiu hotelo okazos geedziĝ-festo, kaj muzikado daŭros ĝis frumatene.

§ Unulita ĉambro: 36,38 /tage

§ Dulita  ĉambro por du homoj uzo: 64,20  /tage

§ Trilita ĉambro: 96,30 /tage

Pagu la kotizon en unu el la jenaj bankokontoj:

· Caja Granada: 2031 0225 54 0100187657

· BBVA: 0182 4106 71 0207160717

Noto: Nepre indiku en la pagilo “Kongreso Palos” kaj la nomon de la paginto.

Post la pago en la banko, sendu al ni mesaĝon aŭ paper-leteron, se vi ne havas komputilon,  indikante: familiajn datenojn, ret-adreson aŭ poŝt-adreson, telefon-numeron aŭ poŝ-telefonon, urbon , landon kaj kotizon pagitan.

Se vi restos en la kongresa gastejo, indiku ankaŭ ke vi pagis la koston.

Se vi venas akompanata indiku klare la nombron da homoj kiuj venas kune kaj uzu la saman mesaĝon por aligi la tutan grupon. Tiel ni povos atribui al vi, se eblas, la saman ĉambron.

Post la sendo de tiu mesaĝo, rete aŭ papere, vi ricevos (kelkajn tagojn poste), retpoŝtan konfirmon aŭ poŝleteron de via aliĝo enhavanta vian matrikulan nombron.

Oni enretigos la liston de la aliĝintoj kaj iliaj matrikulaj nombroj. Tiel vi povos certiĝi pri via korekta aliĝo.

Se vi rimarkas iun problemon dum la procezo sendu mesaĝon al AEU aŭ skribu paper-leteron al Andaluzia EsperantoUnuiĝo, strato Ánfora, 6-5-D, 29013-Málaga, Hispanio.

Por pli da informo, bv konsulti www.kongresoesperantoonubo.org/



# OMAĜE AL LA PANO



Frue, matene la kamparano
rigardas ĉielon kun espero
ke, pluvo ĉiam estu kompano
por doni bonajn fruktojn la tero.

Alitempe peniga laboro
ŝvito, pluvo, malvarmo kaj vento
por kamplaboristo ĉiu horo,
tion venkis tera amo-sento.

Anstataŭas modernaj maŝinoj
tiujn virajn laborojn penigajn
kaj eĉ tiujn ankaŭ de virinoj,
sed estigas movadojn elmigrajn

Malgraŭ nuna socia problemo
tritiko garantias la panon,
ĝi estas kvazaŭ monda emblemo
sed ne atingas ĉiun mondanon

Petas panon blankan el tritiko
jes, miloj da buŝoj en la mondo,
hontiga almozo kaj kritiko
jes, kiam haltiĝos tiu ondo.

Parto de nia socio burĝa
panon rifuzas kiel nutraĵon
stulte oni diras, estas urĝa
surogato kiel anstataŭaĵon.

Estas, kiuj krevas pro dikeco
senpano laŭ doktora konsilo,
pro panmanko mortas je febleco
personoj sen socia helpilo

Ateo, islamano, kristano
deziras plenigi la stomakon
ĉiuj pensas ne manku la pano
ili ĉiam diras, dankon, dankon.

Mi volas panon patrino mia
kaj kaŝite diras la patrino
ne venis la panfaristo nia
ploras patrino, ploras knabino.

Siajn vivojn donis laboristoj
en lukto por forigi malsatojn
jen familio de humanistoj
brave defendadis siajn rajtojn

Sur tablo pano estas trezoro
ĝi estas oro por via sano
patrino, ne ploru via koro
pro panmanko al familiano.

Luis Serrano Pérez

